ESPERANTISTO SLOVAKA

N-ro 2/2003

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto Váňa

Okaze de vegetarisma seminario renkontiĝas volapukisto, interlingvaano kaj esperantisto, kaj ili konversacias kaj komparas siajn lingvojn. Foje la volapukisto demandas la interlingvaanon: „Dirü, kiöm öfte la literö „L“ apäras en la himnö dä interlingvaö?“
La interlingvaano kalkulas kaj respondas: „In nostra himna es 17 literas „L“! Et in vostra himna, senioro di Esperanto, quiomas literas „L“ es in himna di Esperanto?“
La esperantisto kalkulas longtempe kaj diras: „192.“
Jen la volapukisto miras: Tiöm mülte? „Ĉü vi pövüs kanti tiön al ni?“
Kompreneble, la esperantisto bonvolemas: „En la mondon venis nova sento, la la la la la la la...“

*Ke nek ni devu kalkuli grandegan nombron de la literoj „L“ jen la teksto de nia Esperanta himno. Ĉu vi scias ĝin parkere? Se ne, jen la okazo parkerigi ĝin...*

## LA ESPERO

En la mondon venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko,
Per flugiloj de facila vento
Nun de loko flugu ĝi al loko.
Ne al glavo sangon soifanta
Ĝi la homan tiras familion:
Al la mond´ eterne militanta
Ĝi promesas sanktan harmonion.

Sub la sankta signo de l´espero
kolektiĝas pacaj batalantoj.
Kaj rapide kreskas la afero
Per laboro de la esperantoj.
Forte staras muroj de miljaroj
Inter la popoloj dividitaj,
Sed dissaltos la obstinaj baroj
Per la sankta amo disbatitaj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.
Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos,
Ĝis la bela sonĝo de l´homaro
Por eterna ben´ efektiviĝos.

## Enhavo



## Abonpago

En la jaro 2003 la jarkolekto (do kvar numeroj) **por slovakoj** kostos **150 Sk**, por **eksterlandanoj** pro pli altaj sendokostoj **200 Sk**. Tamen se iu emas per pli alta monsumo subteni la eldonadon, la redakcio tion akceptos kun dankemo.

Vi povas pagi
*per la ***poŝtpagilo "A"**
al la adreso de la teknika redaktorino *(Magdaléna FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA)**
**aŭ**
*sendi la monon el via al ŝia ***bankkonto**,
nome al la konto n-ro 4157045-432/0200 en VÚB
kun la mencio „ES 2003"*

Laŭeble **bonvolu sendi la informon pri la pago** al ŝia poŝta adreso aŭ al ŝia retadreso <*feificova@vud.sk*>.

**Rekomendite estas** sendadi komunan kelkpersonan pagon nome de tuta E-klubo – tiukaze bonvolu nepre sendi al la teknika redaktorino liston kun la nomoj kaj adresoj de la abonantoj.

**GRAVE:** bonvolu por eviti kaoson en abonregistrado ne plu sendadi la monon al la konto de SKEF en Poľnobanka Poprad!

***La redakcio kore dankas al vi.***

**La peranto por Ĉeĥa respubliko plu restas Vladislav HASALA, A. Dvořáka 1, CZ 696 62 STRÁŽNICE.**

***Pluaj abonantoj de la Esperantisto Slovaka por la jaro 2003:***

*Asocio de Esperantistoj-Handikapuloj, Pardubice/CZ, BALÁŽ Peter, Partizánske, BARTLING Inge, Warstein/DE, CARAGEA Nora, Frankfurt am Main/DE, ČERNÁ Irma, Púchov, DVOŘÁKOVÁ Anna, Medvedzie, MIKULOVSKÁ Lucia, Žilina, GELETA Ernest, GOMBA Cyril, Bratislava, GOMBOŠ Ladislav, Janík, HAVRÁNEK Miroslav, Bratislava, HORŇÁKOVÁ Anna, Senica, HROMADÍKOVÁ Irena, Považská Bystrica, IVÁKOVÁ Anna, Bratislava, JANČÁROVÁ Andrea, Stupava, KEPENCAY Tibor, Dunajská Lužná, KOLIBÁR Bartolomej, Nitra, KOMLÓŠIOVÁ Alica, Bratislava, MASARYKOVA UNIVERZITA, PF, Brno/CZ, MIKLOŠ Ján, Čakanovce, MURGAŠ Pavel, Banská Bystrica, NEUBELER Milan, Poprad, NOVOTNÁ Oľga, Bratislava, OHRABLOVÁ Mária, Horná Streda, RECHTORISOVÁ Jarmila, Bratislava, RÝŠA Ladislav, Bratislava, SERESOVÁ Helena, Vlčany, SLÁDEČEK Vlado, Ostrava/CZ, STANÍKOVÁ Jolana, Ochodnica, ŠARIŠSKÝ Rastislav, Levoča, ŠATUROVÁ Magda, Bratislava, ŠVORC Alojz, Bratislava, TOMÁŠKOVÁ Anna, Martin, TOMAŠOVIČOVÁ Mária, Nové Mesto n/V., ZUBOVÁ Blanka, Lysá nad Labem/CZ*

***Por la kontribuaĵoj de tiu ĉi numero ni dankas al:***
*K. Bodnárová, Ľ. Fajth, M. Feifičová, J. Rechtorisová, I. Slávik*
*informoj transprenitaj el Interreto*

Fino de la redakta laboro: 09-07-2003
Eldonkvanto de la numero: 200 ekzempleroj

***Redakta konsilantaro:***
Ľubomír FAJTH
Katarína BODNÁROVÁ
Magdaléna FEIFIČOVÁ *(teknika redaktorino)*
Vladimír NĚMEC *(lingva redaktoro)*

***Adreso de la redakcio:***
Ľubomír FAJTH
018 01 UDIČA-Prosné č. 161
*tel.: 0907/486 866*
*retpoŝto: <esperanto@bb.telecom.sk>*

*La kontribuaĵojn por la n-ro 3/2003 ni atendas ĝis la 31-a de aŭgusto 2003*

*Informado devas esti fortika piliero por ke la Esperanta konstruaĵo kresku. Jen ideoj el Komitata dokumento por helpi niajn masonistojn.*

## Celoj

**Konsciigi la publikon pri la problemoj en la nuna internacia lingva ordo:** Ĉia informado pri Esperanto estas senperspektiva, se la celgrupo ne konscias pri la ekzisto de lingva neegaleco kaj la nedemokratieco de la nuna internacia lingva ordo. La unua celo de la informado devas sekve esti, ke la ĝenerala publiko malkovru la fundamentan nedemokratiecon de komunika sistemo, kiu tutvive privilegias iujn sed postulas de aliaj jarojn da penoj por atingi tamen malperfektan lingvoscion.

**Konsciigi la publikon pri la ekzisto kaj funkciado de Esperanto:** Esperanto estas unika fenomeno, kaj antaŭ ĉio necesas ke ĉiuj esperantistoj mem plene konsciu pri tio. Ĉiu esperantisto povas rakonti pri personaj spertoj kiuj ofte estas tute neimageblaj al eksteruloj. Konkretaj travivaĵoj kaj veraj homoj el foraj landoj estas la plej konvinka rimedo por atentigi la publikon pri la ekzisto de tiu fenomeno. Gravas ja ke la informado ne estu tro abstrakta: imponi povas personaj riĉiĝoj pere de Esperanto, emociaj kaj intelektaj. Informado pri Esperanto devas unuavice esti ĝuste informado, ne propagando. En informado ĉefan rolon havu veraj informoj, ne sloganoj.

**Proponi E-on kiel solvon en konkretaj situacioj:** Necesas ĉiam konscii, ke Esperanto ne estas magia bastoneto, kiu per unu frapo povus forigi ĉiujn problemojn de lingva neegaleco. Antaŭ ol proponi Esperanton en konkreta situacio, necesas ĝisfunde pripensi kiun precizan rolon Esperanto povus havi, kiaj estus la avantaĝoj kaj malavantaĝoj, kaj kiaj estos la argumentoj de la kontraŭuloj. Sed en kazoj kie la avantaĝoj estas klaraj kaj la kontraŭargumentoj facile refuteblaj, oni kuraĝe faru sian proponon aŭ, se eble, simple ekuzu Esperanton.

**Kuraĝigi al lernado de Esperanto:** Lerni Esperanton volos unuavice homoj kiuj konscias pri la problemoj en la nuntempa internacia lingva ordo aŭ sentas sin altirataj de la tutmonda egaleca lingvokomunumo de la E-parolantoj. Sekve la plej bona maniero varbi kursanojn estas konsciigi la publikon pri la ekzisto de lingva neegaleco kaj pri la ekzisto de tutmonda, egalece funkcianta

lingvokomunumo, en kiu ĉiuj bonvenas. Malmultaj deziros eklerni Esperanton nur pro tio ke ĝi estas relative facila lingvo. Ne la gramatikaj detaloj sed la fakto ke ĉiu povas igi Esperanton sia propra lingvo, igas ĝin unika kaj lerninda.

## Rimedoj

### Je la nivelo de UEA:

***Unuavicaj celgrupoj:*** Landaj Asocioj de UEA; internacie agantaj, influ-kapablaj organizaĵoj kaj individuoj kiuj jam interesiĝas pri lingvaj rajtoj, organizaĵoj kaj medioj kie aktualiĝas demandoj pri egaleca komunikado, la informita ĝenerala publiko tutmonde, sed aparte en la landoj kie ne ekzistas organizita Esperanto-movado.

***Taskoj:*** Gvidado de informa agado je landa nivelo, kontaktoj kun internaciaj organizaĵoj kaj laŭeble informado rekte al la monda publiko; ĝenerala informado en regionoj sen organizita movado.

### Je la nivelo de landaj asocioj:

***Unuavicaj celgrupoj:*** Lokaj grupoj kaj individuaj membroj de la Asocio; landnivele aŭ internacie agantaj, influ-kapablaj organizaĵoj kaj individuoj kiuj jam interesiĝas pri lingvaj rajtoj; naciaj aŭ lokaj organizaĵoj kaj medioj kie aktualiĝas demandoj pri egaleca komunikado; ĵurnalistoj de tutlandaj amaskomunikiloj kaj la ĝenerala informita publiko.

***Taskoj:*** La ĉefa respondeco pri informa laboro kuŝas ĉe la nacia nivelo. La landa asocio provizu la lokajn grupojn kaj la individuajn membrojn per aktuala kaj profesie produktita inform-materialo, starigu rebatservon kiu rapide reagu al eraraj prezentoj de Esperanto en tutlandaj kaj lokaj amaskomunikiloj, kaj ĝi aktive kontaktu organizaĵojn kaj individuojn kiuj povas interesiĝi pri egaleca tutmonda komunikado.

### Je loka kaj individua nivelo:

***Unuavicaj celgrupoj:*** Lokaj organizaĵoj kaj individuoj kiuj interesiĝas pri lingvaj problemoj, ĵurnalistoj de lokaj amaskomunikiloj kaj la ĝenerala publiko.

***Taskoj:*** Informado pri konkretaj aranĝoj, kontaktoj kun lokaj ĵurnalistoj. La individuaj esperantistoj mem estu pli forte konvinkitaj pri la valoro de la fenomeno Esperanto, kaj ili havu sufiĉajn sciojn por kuraĝe kaj konvinke argumenti kontraŭ eraraj prezentoj. Pli gravas la kvalito ol la kvanto de la informado.

*Fonto: ESPERANTO, n-ro 1129*

# Ĉu vi deziras vojaĝi kaj ekkoni interesajn homojn?

## Vojaĝi? Jes, sed kiel?

Vi lernis Esperanton por intimiĝi kun aliaj mondanoj.
Malfeliĉe, vi ne scias, kiamaniere tion realigi.
Ekster la kongresoj vi ne scias,
kion fari por ligi firmajn kontaktojn kun alilandaj samideanoj.

La **AMIKECA RETO** estas la asocio, kies celo estas ebligi ĉiaspecajn amikajn rilatojn. Ĝi celas fundajn neordinarajn vizitojn, nekutimajn aktivadojn aŭ diskutojn. Ĝi klopodas rilatigi la homojn por multvariaj interŝanĝoj.




La **AMIKECA RETO** iras tien, kien la ordinaraj turistoj ne iras solaj, ĉar mankas al ili la lingvo de la amikeco, la Zamenhofa Esperanto.

Jam 14 jarojn klopodas libreto Amikeca Reto helpi la vojaĝemulojn faciligi la homajn rilatojn. En la gvidlibro troviĝas multaj adresoj el pli ol 50 landoj. Sed ne nur adresoj, sed ankaŭ mallongaj priskriboj de viziteblecoj en la ĉirkaŭaĵo de la loĝejo de la retano. La ŝatokupoj, aktivadoj, temoj, pri kiuj li/ŝi emas diskuti, esperoj kaj multaj aliaj informoj.

## Kial aliĝi al Amikeca Reto?

La motivoj de ĉiuj estas tre diversaj: plej ofte la membroj de la Reto deziras paroli Esperanton, sed ankaŭ renkonti multajn kaj variajn homojn. Pluraj sentas sin izolitaj kaj serĉas partnerojn por fari kune, por diskuti, por amikiĝi. Kelkaj, kies hobio estas tute aparta, emus renkonti samulojn.

## Kiel aliĝi al la Amikeca Reto?

La aliĝado estas simpla kaj senpaga. Sufiĉas sendi plenigitan folion, kiu troviĝas en ĉiu gvidlibro, kaj poste viaj nomo kaj adreso kun pluaj informoj aperos aŭtomate en la venonta gvidlibro, kiu eldoniĝas ĉiun duan jaron.

Pli da informoj vi povas akiri ĉe regionaj perantoj aŭ ĉe la retpaĝo <*http://www.creaweb.fr/a.reto*>

*Ľubomír FAJTH*

## ESO JARKUNVENO

La 12-an de aprilo 2003 en *‚Quo Vadis'* okazis ESO jarkunveno, kiun partoprenis niaj membroj kaj gastoj.

La nova vicprezidanto fariĝis Martin MINICH anstataŭ forpasinta Ernest GELETA.

En la jaro 2002 ni partoprenis kelkajn aranĝojn. Junie okazis la prezentado de la libro de M. DOBROVIČOVÁ *‚La knabino kun vizaĝo de Luno'* tradukita far de Ján VAJS. En aŭgusto samideanoj vizitis la Nacian Tombejon en Martin, kie ripozas kelkaj esperantistoj: Martin BENKA, Ján VALAŠŤAN – DOLINSKÝ, Ľudovít IZÁK, Eduard V. TVAROŽEK. Septembre ni ŝipveturis al Hainburg en Aŭstrio, kie ni grimpis al la ruinaĵo. En Komárno ni estis dufoje: unue en junio, kiam oni planis malfermi la Universitaton de Internaciaj Studoj, kaj la duan fojon dum la Tradicia Ĉedanuba Renkontiĝo. S-anino Helena SERES partoprenis la Eŭropan kongreson en Verona.

La gasto Milan NEUBELER, delegito de UEA, taksis, ke junuloj aperis sur la scenejo de nia movado kun la celo fondi la junularan sekcion.

Kaj kion ni planas por ĉi jaro? Plej proksime la tutslovakan renkontiĝon en Banská Štiavnica (30. 5. – 1. 6.), la internacian renkontiĝon kun aŭstraj samideanoj en Haingurg (13. 9.) kaj kun hungaraj en Štúrovo (11. 10.)

Aliĝu! Alvenu!

*JaRe*

## NOVA ESPERANTO-UNIVERSITATO EN SLOVAKIO

„En Slovakujo, Komárno, ekde la venonta studadjaro (en oktobro) komenciĝos universitata preparo en la novkreota Libera Eŭropa Universitato," ĝojas profesorino Eva POLÁKOVÁ. La E-universitato estas filino de Internacia Akademio de la Sciencoj (AIS) en San Marino, kie Esperanto estas unu el la oficialaj laborlingvoj. „Fondo-grupo komencas okupiĝi pri konstruado de la universitatejo kaj ĝi ankaŭ petos aprobon ĉe la Klerigministerio pri la stud-plano nomita laŭ la EU-registraro kaj kreditsistemo ‚fremdaj lingvoj kaj kulturoj', nome bakalaŭra, magistra kaj doktora studado, en tri sferoj: turismo, manaĝerado, interlingvistiko."


profesoroj Helmar FRANK kaj Eva POLÁKOVÁ

La studado estas planita kiel ‚ekstera' - unu bloko por semestro kaj memstudado kaj elektronika studado (pere de interreto). „En komunikado estu uzataj kiel oficialaj lingvoj Esperanto kaj la germana lingvo", klarigas Poláková. Krome AIS jam en somera tempo komencos en Slovakujo preparon en studad-kompletigo por internacia universitat-docentiĝo kun rajto poste instrui en ĉiuj AIS-klerigejoj (Komárno/SK, Sibiu/RO, Moskvo, Karlovo/BG, Bydgoszcz/PL).

*Por pli da informoj bv. komuniki kun Prof. Dr. Eva POLÁKOVÁ, Potravinárska 19, SK 949 01 NITRA, poŝ-telefono 00421/904/595 015 ret-adreso <epolakova@in.slovanet.sk>, aŭ <epolakova@ukf.sk>*

*transprenite el <lingva-demokratio@yahoogroups.com>*

## INTERNACIAJ EKZAMENOJ DE ILEI/UEA

Vi certe scias, ke ILEI/UEA havas programon pri internaciaj ekzamenoj. Se oni kunmetas tiujn ekzamenojn kun la naciaj, unuagradaj ekzamenoj, oni havas kvar-ŝtupan sistemon: (1) nacilingva, enkonduka, (2) internacilingva, elementa, (3) internacilingva, meza, (4) internacilingva, porinstruista.

Por simpleco ni preteratentu nun la fakton, ke en pluraj landoj kun granda Esperanta tradicio la nacia ekzamensistemo estas pli mapli paralela al ĉi tiu.

Kompreni tion, la kvarnivelan sistemon, jam estas io. Kompreninte tion, kelkaj aktivuloj de ILEI kaj UEA provis vidi, kio ekzistas en la mondo kaj en la reto. Oni tuj vidis, ke en la reala mondo estas multo, dum en la reto ne estas multo, KROM pri la enkonduka, nacilingva kurso, kiu povus porti al nacilingva ekzameno.

Pri la aliaj niveloj ekzistas nur la priskriba broŝuro de ILEI/UEA (kiun vi trovas ankaŭ en <*www.edukado.net*>), kaj kompreneble ekzistas la Internacia Ekzamena Komisiono, kiu administras la internaciajn ekzamenojn. La 4-a nivelo estas ankoraŭ en sia komenca fazo. La unua seminario okazas en junio en Čačak, Serbujo. Aliaj sekvos. En ĉi tiu kampo agas, evidente, ankaŭ la universitatoj, en kiuj oni instruas interlingvistikon kaj esperantologion.

Sed, finfine, se vi estas iranano, kiu volas lerni Esperanton bone kaj eventuale volas havi la mezan internacian diplomon, vi ne havas multon je via dispono (tio, kio ekzistas, estas montrata en tiuj paĝoj).

Pro tio, kunlabore kun Enrike ELLEMBERG, estis faritaj kaj kunlabore kun Jozefo NEMETH, la redaktoro de Internacia Pedagogia Revuo de ILEI, estis enmetitaj en la paĝaro de IPR ĉi tiu paĝo: <*http://www.nl-papa.hu/ipr/esperanto_instruado.htm*>.

Mi afable sed firme petas vin viziti tiujn paĝojn, por vidi kiom multe restas por fari, kaj por alvoki al kunlaboro. Se vi estas instruisto, se vi ŝatas verki retajn kursojn, se vi kapablas fari retajn paĝojn, bonvolu kontakti min aŭ la estraranon pri edukado de UEA, Gbeglo KOFFI, <*esp.togo@cafe.tg*>, aŭ la estraranojn de ILEI.

*Katarína BODNÁROVÁ*

## FACILE LERNI LA ANGLAN PER ESPERANTO

En la germana regiona gazeto „Schwarzwälder Bote“ aperis la 17-an de junio 2003 la artikolo pri la esperantistoj el Villingen-Schwenningen (VS), kiuj partoprenis la 80-an kongreson de Germana Esperanto-Asocio pentekoste en Kaufbeuren. La artikolo resumas la pintajn okazintaĵojn de la kongreso kaj mencias novan ‚angla-Esperanto-kurson‘ en VS ofertita de lokaj esperantistoj. La baza ideo estas lerni pli facile la anglan per samtempa lernado de Esperanto.

Josef Schiffer, la estro de la Esperanto-grupo VS, havis en pluraj kunsidoj eblecon prezenti la novspecan angla-Esperanto-kurson, kiun lia grupo ofertas. Esperantistoj estis mirigitaj de nova ebleco lerni senstreĉe la anglan kaj ekscii de la unua leciono, ke relative malgranda aldona okupiĝo pri la internacia lingvo Esperanto helpas enkapigi malfacilajn anglajn vortojn. Post la somerferioj la Esperanto-grupo VS invitas denove al tiu ĉi angla-Esperanto-kurso.

*Komunikadcentro <komunikadcentro@esperanto.org>*

## INFORMILO POR INTERLINGVISTOJ

Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo (CED) eldonadas kaj al seriozaj esploristoj senpage disponigas la bultenon *'Informilo por interlingvistoj'* (IpI), kiu informas pri interlingvistika kaj esperantologia aktivadoj en la tutmonda skalo, kaj pri aperintaj ĉi-rilataj artikoloj kaj libroj. Tio i. a. koncernas lingvopolitikon, problemojn de internacia lingva komunikado, la fenomenon de internacia planlingvo, Esperanton en teorio ka praktiko, la situacion de aliaj planlingvoj, interlingvistikon kaj esperantologion, resp. la lingvon Esperanto en universitataj medioj. La bulteno estas bibliografie orientita, tamen ankaŭ publikigas recenzojn, raportojn kaj aliajn materialojn.

Apero: jare kvar kajeroj, kun sume almenaŭ 60-80 paĝoj. Ĝis la fino de 2002 aperis 43 kajeroj kun sume ĉirkaŭ 700 paĝoj.

*Eldonas CED, ĉe UEA, Nieŭwe Binnenweg 176, NL – 3015 BJ Rotterdam, Nederlando, <uea@inter.nl.net>.*
*Redaktas: D-ro Detlev BLANKE, Berlin/DE <dblanke.gil@snafu.de>.*
*Mendojn nur direktu al UEA, kontribuojn nur al la redaktanto.*

## EU-SUBVENCIOJ POR ESPERANTO

Kanti anglajn kanzonojn aŭ lerni francajn poemojn: en Germanio frua lingvolernado estas la fokuso en la konkurso por la lingva sigelo 2003. La EU-Komisiono premias kun la sigelo ideoriĉajn lingvoprojektojn. Tiu, kiu havas ideojn, povas sin turni al sia nacia agentejo (bv. trovi en la sube menciitaj retejoj). „Kun la sigelo ni intencas subteni novajn ideojn en la kampo de lingvolernado kaj instruado. Temas ankaŭ pri tio, informi instruistojn kaj lernantojn pri tiaj iniciatoj", diras EU-komisionanino pri edukado Viviana Reding.

Ŝancojn havas kreivaj kaj novideaj projektoj. Ili altigu la emon al lernado de lingvoj kaj havu eŭropan dimension. Povas partopreni ne-komercaj institucioj el ĉiuj edukadaj kampoj. „Ni serĉas projektkunordiganton por agadkampo ofertita de la Eŭropa Komisiono pri lingvolernado", diras Marko Naoki Lins de Eŭropa Esperanto-Unio. „Via tasko kiel projektkunordiganto estas surface studi la programenhavon sur la koncernaj Komisionaj retejoj (ambaŭ retejoj estas konsulteblaj en ĉiuj oficialaj 11 EU-lingvoj) kaj fari 15-linian resumon de la ĉefaj aferoj."

La celo estas studi kiaj eblecoj kuŝas en la programo por Esperanto-instruistoj kaj -instruado. „Necesas ekscii, kiom da landoj devas kunlabori, kiom da organizoj kunlaboru, ktp. Kun la necesaj informoj vi instigu kunlabore kun aliaj la landajn asociojn kaj instruistajn fakasociojn okupiĝi pri la temo", diras Lins. „Ne estus malbone kompreni, kiel Esperanto povas eniri la aferon kaj sugesti tion. Ideo povus esti, ke oni verku lernolibron pri eŭropa historio komune (kun Esperanto kiel laborlingvo ekzemple)?"

Por pliaj informoj: <*http://europa.eu.int/comm/education/language*>, <*http://www.elearningeuropa.info*>.

*Marko LINS <marko.lins@lingvo.org>*
*el la Digest Number 654, <lingva-demokratio@yahoogroups.com>*

## KRIBRANTE EN LA JARLIBROJ – I

La Jarlibro estas manlibro pri la Esperanto-movado. Unuafoje ĝi aperis en 1908. Ĝi havis la formaton kiel la nuna, sed nur 23 paĝojn. En 1915, 1917 - 1919 Jarlibroj ne estis presitaj kaj en 1937 - 1939 aperis Jarlibroj eldonitaj kaj de UEA kaj de IE-L (Internacia E-Ligo).

UEA do havas ĝis nun (enkalkulante la jaron 2002) naŭdek arlibrojn.

HONORAJ MEMBROJ:



OFICIALA
JARLIBRO
DE LA
ESPERANTO-MOVADO
1932

(20a Jaro. Unua Jarlibro aperis 1908.)
Ne aperis 1915, 1917—1919.

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
1 TOUR DE L'ILE, GENÈVE, SVIS.
Copyright by Universala Esperanto-Asocio, Geneva, Switzerland

- Kiel Honoraj Membroj (HM) estas elektitaj esperantistoj, kiuj faris gravajn servojn al la tutmonda Esperanto-movado. La proponon por elekto de HM rajtas fari: (1) la Estraro de UEA; (2) minimume tri landaj aŭ fakaj asocioj, aliĝintaj al UEA; (3) kvin komitatanoj de UEA, apartenantaj al minimume tri diversaj nacioj.
- Al la propono devas esti aldonitaj: (1) mallonga vivpriskribo de la kandidato kun precizaj plej gravaj datoj kaj kun eventualaj titoloj; (2) listo de verkoj aŭ studoj eventuale publikigitaj en Esperanto aŭ pri la Internacia Lingvo; (3) priskribo de servoj kaj meritoj kun ĉiuj plej gravaj dokumentoj pravigantaj la proponon.
- La proponon kaj ĉiujn aldonojn oni direktas al la Komitato pere de la funkcianta Prezidanto de UEA plej malfrue tri monatojn antaŭ la Universala Kongreso de Esperanto.
- La Prezidanto aŭ la Komitatano, kiun li aparte komisiis por tiu celo, zorgas pri eventuala kompletigo de la propono kaj funkcias kiel raportanto antaŭ la Komitato.
- La Komitato decidas pri la propono dum la Universala Kongreso. Ĝi povas nomumi apartan komisionon por plue esplori la proponon. Ĝi povas prokrasti la decidon, se ĝi trovas la proponon nesufiĉe dokumentita.

En la Jarlibro de 1909 ankoraŭ ne aperas nomoj de Honoraj membroj, sed kiel ALTA KONSILANTARO estas vicigitaj kvin nomoj: L. ZAMENHOF, E. BOIRAC, D-ro MYBS, J. POLLEN kaj generalo SEBERT. Same estis en 1910 kaj 1911.

En 1912 estas listigitaj naŭ personoj, en 1913 aperas dek nomoj.

En 1916 - 1921 ne estis aperigitaj elstaraj nomoj, en 1928 denove viciĝas dek gravuloj.

JARO 1929! „Pro 20–jara servado fidela kiel Delegito 1908 - 1928 la Komitato aprobis la elekton de jenaj samideanoj al la Honora Membreco!“ Jen do la dato, kiam ekestis la alta distingo de UEA. De tiu jaro la listo de honorigitoj kreskis, al dek aldoniĝis pliaj 21.

La unua honorigito el Ĉeĥoslovakio estis Vojtech KRAUS (Jarlibro 1930), la dua Antonín KUDELA (en 1932), en la jaro 1934 estis listigitaj entute ses ĉeĥoslovakaj distingitoj! Ĉiam temis fakte pri ĉeĥoj. Enkalkulante ankaŭ la ĉeĥajn honorigitojn el la jaroj post la divido de Ĉeĥoslovakio al du apartaj landoj, HM-j de UEA estis/-as 12 personoj (V. KRAUS, A. KUDELA, R. HROMADA, O. SKLENČKA, J. ŠUPICHOVÁ, T. ĈEJKA, A. PITLÍK, E. URBANOVÁ, M. BARTOVSKÁ, E. SEEMANNOVÁ, J. MAŘÍK, J. VONDROUŠEK)! Eĉ la tradicie Esperantumema Hungario havas malpli da ili!

Kiom da esperantistoj el Slovakio ricevis tiun-ĉi altan distingon? Nur unu: Eduard V. TVAROŽEK – en 1995. Jen kelkaj datoj pri li, aperintaj en la revuo ESPERANTO (oktobro 1995) okaze de la prezento de tiujaraj honorigitoj: *Eduard V. TVAROŽEK (Slovakio, 1920) laboris kiel mezlerneja instruisto de la angla kaj germana lingvoj. Li membras en UEA de post 1937. En la 50-aj jaroj li spertis diversspecajn ĝenojn kaj persekuton pro sia E-agado. Li estis fonda membro de Slovakia E-Asocio, ĝia multjara funkciulo kaj longtempa ĉefredaktoro de ESPERANTISTO SLOVAKA. Li aŭtoris plurajn E-lernolibrojn kaj multloke instruis Esperanton. Lian tradukistan laboron bele ilustras SLOVAKA ANTOLOGIO (1977, 1980) kun pli ol 50 liaj tradukoj. Pro originalaj teatraĵoj kaj poemoj li po trifoje premiiĝis en Belartaj Konkursoj. En 1992 aperis lia poemkolekto SOLA EN SUNSUBIRO kaj pluraj kajeroj kun ŝercoj, aforismoj kaj anekdotoj.*

Ĉu inter la slovakaj esperantistoj nur unu meritis esti HM de UEA?
Ĉu ankaŭ hodiaŭ ni ne renkontas ĝisostan esperantiston, senplende, silente agantan por siaj-niaj idealoj? Ĉu ni tamen ne devus iom pli malfermi niajn okulojn kaj oferti iom da laboro por doni la honoron al tiuj, kiuj meritas ĝin?

*Katarína BODNÁROVÁ*

*Claude PIRON aperigis*
*en <rebato@yahoogroups.com>*
*kolekton de citaĵoj*
*rilataj al la lingva problemo*
*en la mondo.*
*Tre rekomendinda*
*por la ekstera informado!*

## KOSTOJ DE MULTLINGVECO

***Faktoj kaj novaĵoj por ekstera informado pri Esperanto***

- Tradukado kaj interpretado kostas al ĉiu Eŭrop-Unia impostpaganto nur du eŭrojn ĉiujare.
- En 1991 ĉiu vorto tradukata en Eŭropa Unio kostis 0,36 USD.
- En UN la kosto de skriba tradukado en ses lingvojn tie estis 1,42 USD por unu vorto.
- La lingvoservoj de la Eŭropaj institucioj enhavas proksimume 3000 tradukistojn, kaj 951 interpretistojn, por suma kosto de 685 milionoj da eŭroj.
- En 1989, Eŭropa Unio havis 2 500 tradukistojn kaj 600 interpretistojn-funkciulojn; sed ĝi krome uzis la servojn de 2 500 sendependaj interpretistoj.
- La baldaŭa aldono de novaj lingvoj kostos 193 milionojn da eŭroj por ok pliaj lingvoj.
- La unua kaŭzo de morto ĉe infanoj malpli ol kvinjaraj estas la diareaj malsanoj, aŭ pli precize la senakvigo (dehidratigo), kiun ili kaŭzas kaj kiu estas tiel grava, ke la korpo de la infano ne plu produktas larmojn, kiam ĝi devus plori. Por korekti tiun mankon de akvo ekzistas tre simpla rimedo, t. n. buŝa rehidratiga traktado. Mil tiaj saketoj kostas 84 eŭrojn (73 USD).
- La ĉefa kaŭzo de infana blindeco estas kseroftalmio: protekti kontraŭ ĝi kostas nur 0,13 eŭrojn por unu infano por unu jaro.
- Efika programo por lukti kontraŭ malario kostus jare nur 800 000 dolarojn. Sed ne troveblas mono por financi la necesajn agadojn. Ne estas mono por pagi kunlaborantojn, por aĉeti ekipojn, por havigi al si benzinon. Simple ne estas mono.
- En Eŭropa Unio okazas grandegaj elspezoj pro la triloka sistemo: la dokumentoj por la Eŭropa Parlamento verkitaj en Bruselo estas tradukataj en Luksemburgo kaj pridiskutataj en Strasburgo. En 1992 la transporto nur inter Bruselo kaj Strasburgo kostis 500 milionojn da francaj frankoj. La vojaĝo okazas dufoje ĉiumonate: 80 tunoj da paperoj en naŭ lingvoj ĉiufoje estas transportataj de Danzas.
- La interpreta servo de la Eŭropa Komisiono estas nur unu servo inter pluraj, ĉar la Justica Kortumo kaj la Eŭropa Parlamento havas proprajn lingvajn servojn. La interpreta servo de la Komisiono havas 500 daŭrajn interpretistojn, kaj uzas ĉiutage la servojn de 200 ĝis 300 portempaj, sendependaj interpretistoj.
- Ili prizorgas la interpretadon en 45 ĝis 50 kunsidoj ĉiutage. Tio signifas, jare, 125 000 interpretta-gojn. Transiro al granda nombro

da pliaj lingvoj starigos problemojn de efikeco kaj kaŭzos kreskon de kostoj.

- Kunsido kun 18 lingvoj necesigos la ĉeeston de inter 55 kaj 60 interpretistoj. Oni do pli kaj pli aplikos la sistemon de duobla interpretado.
- En sciencaj kunsidoj, duobla interpretado estigas perdon aŭ fuŝon de 50 % el la informoj prezentataj.
- Per 134 eŭroj (117 USD) oni povas havigi al profesia akuŝistino la necesujon kun iloj kaj medicinaj substancoj, kiun ŝi bezonas por kiel eble plej bone certigi senriskajn akuŝojn.
- 17 eŭroj (17 USD) sufiĉas por vakcine protekti unu infanon kontraŭ la ses plej mortigaj malsanoj: difterio, morbilo, kokluŝo, poliomjelito, tuberkulozo kaj tetano.
- Por restarigi sanigan nutradon ĉe mis- aŭ sub-nutrataj infanoj dum unu jaro sufiĉas 10 usonaj dolaroj (11,4 eŭroj) por unu infano.
- Por nutri dum unu monato 70 infanojn en vietnama orfejo sufiĉas 400 eŭroj.
- Havigi bazan edukadon al ĉiuj kostus jare 6 miliardojn da USD.
- Kontentigo de bazaj nutraj kaj sanecaj bezonoj por ĉiuj kostus jare 13 miliardojn da usonaj dolaroj.
- En Usono 8 miliardoj da USD estas elspezataj ĉiujare por kosmetikaĵoj.

## Eŭropa Komisiono fortikigas sin por Unio de 25 lingvoj

La kosto al ĉiu EU-civitano por la laboro de tradukado kaj interpretado jare estas du eŭroj. Kaj en 2006, iomete pli.

Sed du eŭroj estas neniom kaj nekonvinka. Bedaŭrinde, oni prisilentas la verajn kostojn - lernotempon, nekomunikadon, miskomunikadon kaj tiel plu.

*Aaron Irvine <yahoo123@ lingvo.org>*

## En la parlamentejo de EU - pri komunikaj rajtoj

La simpozio „Kian lingvopolitikon al multlingva Eŭropo?“ pasis en la Eŭropa Parlamentejo, Bruselo, la 6-an de majo 2003, iniciatita kaj preparita de la eŭropuniaj E-aktivuloj, kun forta subteno de UEA.

La simpozion partoprenis neregistaraj organizoj, interesitaj pri la justa solvo de la lingvaj problemoj. La simpozio pridiskutis kaj akceptis principojn pri la komunikadaj rajtoj kaj devoj de la eŭropaj civitanoj, rekomendataj por konsidero en la verkata Eŭropa Konstitucio.

En la plena raporto aperas rekomendo atenti ankaŭ Esperanton, kiel eblan pedagogian instrumenton por plifaciligo de la studado de fremdaj lingvoj.

Plene pri la simpozio oni povas legi en la retejo *<www.europe-citizen.net>* (angle kaj france).

*Gazetaraj komunikoj de UEA N-ro 167*

## SUKCESA DRESDENA IFK

La **55-a kongreso de IFEF** okazis ekde la **10-a ĝis la 16-a de majo 2003 en Dresdeno**, la unuan fojon sur la teritorio de la iama GDR. Partoprenis ĝin ducent okdek partoprenintoj el 19 landoj. La plej nombra grupo venis el Rumanio, kaj memkompreneble, abundis la hejmuloj. Slovakion ĉi-foje reprezentis krom la SAFE-prezidantino, kiu fervore partoprenas fervojistajn kongresojn, ankaŭ la redaktoro de Esperanto Stano MARČEK, nun en la rolo de la redaktoro de la kongresa bulteno (tamen li ofte reagis ankaŭ je la demandoj rilataj al la UEA).

Post la sabata akceptado de la alvenintoj la **solena inaŭguro** okazis en la ĉefa kongresa halo "HDL-catering" kiel kutime dimanĉe antaŭtagmeze. Salutis ĝin Dietmar PETZOLD, la komisiito de BSW (Bahn-Sozialwerk) por internacia kunlaboro ene de FISAIC kaj de la BSW-kulturgrupoj kaj Solveig KAHN, la afergvidantino de BSW-distrikto Dresden transdonis salutojn de la BSW-prezidanto Reiner GRAB en bona Esperanto. La ĝenerala prezidanto de FISAIC Gilbert SCHMIT parolis pri la neceso de komuna lingvo por interkomprenigo de popoloj, kies neceson montris militoj kaj inundoj. Kantis infana koruso de BSW Dresden. Salutojn nome de GEA transdonis d-ro Werner BORMANN, Stano MARČEK voĉlegis mesaĝon de la UEA-prezidanto Renato CORSETTI, siajn salutojn prezentis reprezentantoj de la landaj asocioj de IFEF kaj la IFEF-prezidanto Romano BOLOGNESI malfermis la kongreson.



estraro de IFEF

Post la lunda **nepublika komitatkunveno**, kie la landaj reprezentantoj antaŭdiskutis kongresproponojn, kasraporton kaj bilancon por la jaro 2002, budĝeton por la jaro 2004, la laborplanon, analizis la situacion en kelkaj landoj, la venontajn IFEF-kongresojn kaj eksterajn rilatojn, marde okazis la **publika plenkunsido**. La komitatanoj akceptis raportojn de la sekretariino, redaktoro kaj kasisto, ankaŭ la protokolon de la lasta IFK en Plovdiv. La ĉefkomitatano Jindřich TOMÍŠEK raportis pri sia agado dum la trijara periodo. J. Tomíšek estis reelektita kiel la ĉefkomitatano por pluaj tri jaroj. Lia anstataŭantino Magdaléna FEIFIČOVÁ pro personaj kialoj ne deziris rekandidatiĝi kaj kiel nova anstataŭanto estis elektita d-rino Rodica TODOR el Rumanio. Pri sia laboro en Fervoja Koresponda Servo rezignis ankaŭ Sorin PORUPCA kaj lian taskon transprenis Dan-Dragas ALDEA el Rumanio. Pri la laboro de la Fake Aplika Sekcio raportis la gvidanto de la Faka Komisiono Jan NIEMANN kaj pri la agado de la Terminara Sekcio d-ro Heinz HOFFMANN. Pri la sukcesa 44-a IFES en Kunčice pod Ondřejníkem raportis la



la delegitoj dum la nepublika komitatkunsido

komitatano pri Skisemajnoj Hubert PEYROUTY. István GULYÁS kiel komitatano A de UEA por IFEF informis pri intenco de la brazilaj fervojistaj esperantistoj aliĝi al IFEF kiel landa asocio aŭ kiel individuaj membroj. Sekvis resumo de la jarraportoj el la landaj asocioj por la jaro 2002. La kotizo por la jaro 2004 restis la sama kiel ĝis nun – sep eŭroj. La plenkunsido konfirmis kiel kongresan urbon por la venontjara IFK en Hungario la hungaran Sopron, por la jaro 2005 akceptis inviton de Rumanio kaj por la jaro 2006 sinproponis Ĉinio. La venontjara, jam 45-a Skisemajno okazos en Francio.

**Kulturaj programeroj** estis vere ĝuindaj. Dum la lunda **Esperanta kantvespero** prezentis famajn kantojn el operoj kaj operetoj en Esperanto famaj ĉeĥaj (sopranino Kateřina KUDLÍKOVÁ el Prago kaj Miroslav SMYČKA, baritono el Ústí nad Labem) kaj germanaj (Annette Meisner, mezosopranino el Braunfels kaj Alfons Hoffmann, tenoro el Herzberg/Harz) artistoj, akompanataj de Blahoslava DVOŘÁKOVÁ, pianistino el Ústí nad Labem. El la prezentitaj eroj (ĉiuj tradukitaj de Joachim GIESSNER) ni menciu ekzemple *‚Mi iras al Maksim'* el *‚La gaja vidvino'*, *‚Komprenas mi la arton ja'* el *‚Don Pasquale'* aŭ la hispanan kanton de Lara *‚Granada'*. La marda **nacia folklora vespero** apartenis al la ***soraba vilaĝa ensemblo Höflein***, kiu prezentis kantojn kaj vivajn polkojn, valsojn kaj mazurkojn el la soraba regiono ĉirkaŭ Crostwitz, montrante tiamaniere riĉajn tradiciojn de ĉi malgranda slava popolo forminta etnan komunumon izolitan ene de Germanio. La ***ercmontara kantgrupo Bimmelbah'***, kun la nomo laŭ la etŝpura fervojo kun malgrandaj, ofte tintantaj lokomotivoj (germane bimmeln), prezentis en akompano de akordiono, citro kaj gitaro popolmuzikon en la dialekto de Ercmontaro. La ĵaŭda **Distra vespero** alportis la saksofon-muzikon fare de la ***kvarteto ‚Saxess'*** de la muzika altlernejo kaj la pinto de la vespero fariĝis dancoj de gelernantoj el fama ***danca altlernejo ‚Palucca Lernejo Dresden'***.



Stano MARČEK, redaktoro de la kongresa bulteno, kun IFEF-prezidanto Romano BOLOGNESI

Mankis nek fakaj programeroj. Temo de la **ĉefa prelego** lunde posttagmeze, kiun prezentis Bodo EHRLICH el Bremen, tekstis „Teknikaj evoluoj por la estonto de la eŭropa fervojtrafiko". Ĝi prezentis ekzemple plursisteman lokomotivon Siemens el la serio 189 kun kvar kurentopreniloj kaj lumĵeta dioda signallumo por servo en 15 eŭropaj landoj kaj diĝitan radiofonion kun GSM-normo kaj 19 propraj frekvencoj en la sfero 900 MHz kaj poŝtelefonoj, kiun jam akceptis 33 fervojoj de Eŭropo. Dum sekvaj **fakaj prelegoj** D. HARTIG (DE) prezentis trajnveturadon en la jaro 2100, pri la Danubaj pontoj en Rumanio parolis prelego de prof. D. TEODORESKU (RO), L. KOVÁŘ (CZ) parolis pri neceso anstataŭigi trafikon fare de subakvigita metroo per busoj, tramoj kaj trajnoj dum la inundo en 2002, G. SREDIĆ (YU) parolis pri grandaj investaj kostoj kaj ega konsumo de energio flanke de ŝvebantaj relvojoj,

E. H. OLSEN (DK) skizis similecojn kaj diferencojn inter la nordiaj fervojoj, laŭ la prelego de R. GIUHAT (RO) Rumanio preparas fervojajn transportojn por integriĝo en gravaj koridoroj de la Eŭropa grandrapideca fervojreto, kaj la historieca prelego de J. TOMÍŠEK (CZ) prezentis la plej longan, 270 metran fervojan tunelon apud Olomouc, kiu nun servas por deponado de fruktoj kaj legomoj fare de terkulturistoj.

La sekretario de la **Terminara Sekcio** Heinz HOFFMANN substrekis modelan laboron je fervojfaka revizio de PIV kaj aperon de CD-ROM-disko kun la 3-a eldono de la datumbanko Rail-Lexic en 19 lingvoj. Bedaŭrinde, la kunlaboro kun UIC stagnas pro manko de fakuloj en pluraj landoj. Jan NIEMANN el la agado de **Fake Aplika Komisiono** substrekis partoprenon en la faka aranĝo KAEST 2002 en Dobřichovice, la eldonon de la Fervojfakaj kajeroj n-ro 11 kaj preparon de la prelegoj por la faka programo dum la dresdena IFK. Dum la kunsidoj de la **Faka Komisiono** estis reelektita por tri organizaj jaroj Jan NIEMANN kiel la gvidanto, Ladislav Kovář kiel la sekretario de la Fake Aplika Sekcio kaj Heinz HOFFMANN kiel la sekretario de la Terminara Sekcio kaj la redaktoro de la Terminara Kuriero. Bodo EHRLICH el Bremen informis pri ricevitaj fakaj fervojtemaj gazetoj kaj ĵurnaloj el kelkaj landoj, kiuj estos ekspoziciataj en Fervoja Fakultato ĉe la Teknika Universitato en Dresdeno. Grupo da interesuloj povis viziti ankaŭ ***Fervojan Fakultaton de la Teknika Universitato***, kie oni povis vidi pere de grandega modelfervojo la plej modernajn regadejojn de la firmao Siemens kaj mekanikan kaj relajsan regadejojn.

Mankis nek la **ekskursoj**: La ***dimanĉa posttagmeza ekskurso*** permesis admiri kaj foti elstarajn vidindaĵojn de Dresdeno, ekzemple la terason de Brühl, Virinpreĝejon kaj Teatran Placon. La ***marda posttamezo*** prezentis la urbon komforte tra la fenestroj de moderna, speciale mendita tramo. La ***unua tuttaga ekskurso*** mardon gvidis al la malnova kvartalo Pillnitz kun fabelaj parkoj kaj historiaj vilaoj kaj al la palaco Pillnitz, iama somera rezidejo de saksaj reĝoj. Poste ĝi daŭrigis al sabloŝtona montaro Saksa Svisio kun belgaj bizarformaj rokegoj. Post la tagmanĝo en montara restoracio kaj vizito de la montara fortikaĵo kaj burgo Königstein sekvis preskaŭ trihora ŝipvojaĝo kun vespermanĝo sur Elbo reen al Dresdeno. La ***dua tuttaga ekskurso*** ofertis la trajnveturon, vaporŝipveturon kaj piedmarŝadon en Saksa Svisio, kiu finiĝis en la kuracloko Kurort Rathen. La ***ĵaŭda duontaga ekskurso*** al Moritzburg eluzis eblecon veturi el la fervoja stacio Radebeul Ost per historia trajno kun vapora lokomotivo 99 17779-0 sur unu el la sep ankoraŭ funkciantaj etŝpuraj fervojoj en Saksio kaj viziti ekspozicion de historiaj lokomotivoj kaj aliaj veturiloj.



dum la ekskurso

La **venontjaran IFK-on** organizos komune hungaraj kaj aŭstraj fervojistaj esperantistoj. Ĝi okazos en la hungara urbo **Sopron** inter **la 8-a kaj la 15-a de majo 2004**. Pluajn informojn pri ĝi alportos la venonta numero de ES.

*Fejfi*
*fotoj: Stano MARČEK*

## LINGVA MALSEKURECO POR AERTRAFIKAJ PASAĜEROJ

La sekureco de aerpasaĝeroj parte dependas de la kapablo de la skipo doni informojn kaj facile komuniki kaze de eventuala krizo. Pro tio necesas paroli klaran lingvon. Sed kiun lingvon? „Sur internaciaj flugoj la skipo ne ĉiam parolas la lingvojn de la du landoj, inter kiuj ĝi estas fluganta. Cetere, granda elcento da pasaĝeroj - precipe maljunuloj kaj malpli prosperaj aŭ malpli kleraj homoj - en la aviadilo nur parolas sian denaskan lingvon," notas Sebastiano MUSUMECI *[Musumeĉi]*, la itala membro de la Eŭropa Parlamento. „Pro tio ili ne kapablas komuniki kun la skipo, pliigante iliajn sentojn de paniko kaj izoleco kaze de eventuala krizo kaj malfaciligas, aŭ eĉ malebligas la observon de la sekurecaj instrukcioj por la evakuo de la aviadilo."

MUSUMECI estas unu el multaj politikistoj, kiuj pli kaj pli konsideras, ke la manko de servoj en la gepatra lingvo konsistigas malobservon de la plej bazaj rajtoj de pasaĝeroj, la rajto je sekureco. „Kiujn paŝojn intencas la Eŭropa Komisiono preni por garantii la helpon postulita de pasaĝeroj, kiuj havas la malbonŝancon ne scipovi la lingvojn plej ofte uzatajn de la flugistaro, tio estas la angla kaj la franca?" demandas MUSUMECI en oficiala demando.

Esperantisto kaj civila inĝeniero en Ĉikago, Kent JONES *[Kent Ĵouns]*, jam de longa tempo pristudas ĉi tiujn problemojn de la angla kiel aviada lingvo. La origino de multaj aviadaj incidentoj kaj akcidentoj troviĝas en la angla lingvo, laŭ Jones, kiu kiel la anglo-saksa mezursistemo brilas nek pro klareco, nek pro simpleco, nek pro logikeco. „Kent JONES jam entreprenis klopodojn ĉe naciaj kaj internaciaj aviadaj organizoj por ke la demando pri aera sekureco estu pritraktata ankaŭ sub la lingvaj aspektoj," klarigas Henri MASSON, la redaktanto ĉe la gazetara servo de SAT-Amikaro. „Ĉar reformo de la angla montriĝis neebla, Kent JONES pristudis la uzeblecon de alia lingvo, Esperanton, kiun li konas, kaj kiu estis konceptita por la lingva komunikado inter plej diverslingva loĝantaro."

„Mi havas la impreson, ke oni tre malmulte akceptas la ‚rajton' je informo en la ‚propra' lingvo. Oni simple ne ‚ankoraŭ' havas politikon por tiuj, kiuj ne scipovas la anglan," diras Dafydd AP FERGUS de Eŭropa Esperanto-Unio. Li ne atendas paŝojn de registaroj ĝis kiam ne estos pli da protestoj. „Indas tiurilate kontakti asociojn, kiuj defendas klientojn por ke ili premu la registarojn kaj flugkompaniojn."

*el la Digest Number 654*
*<lingva-demokratio@yahoogroups.com>*

# ... KUN TREVOR STEELE

***En nia lando malkreskas ne nur la membraro, sed ankaŭ aktivecoj de kluboj. Ĉu estas nia destino, ke ni simile kiel en multaj okcidenteŭropaj landoj laboros nur kiel esperantaj personecoj sen amasa membraro?***

La membraro malkreskas en multaj landoj. Sed tio ne nepre signifas, ke la nombro da esperantistoj malkreskas. Mi suspektas, ke fakte estas pliigo de tiu nombro, ĉefe pro la disvastigo de nia lingvo en la interreto. Leviĝas tamen la demando, ĉu la strukturo de UEA kaj la landaj asocioj devas ŝanĝiĝi. Klubejo estis iam la loko, kie oni renkontis aliajn homojn: hodiaŭ estas televido, interreto, kaj aliaj manieroj kontakti, se ne rekte, la ceteran mondon. Alivorte, la iama rolo de kluboj malpli gravas nun. Sed la manko de mono kaj la sekva manko de E-kursoj estas grava bremso. Mi mem spertis, ke en Litovio, dank' al tre bona anoncado de kursoj en gazetoj, centoj da homoj venis al miaj klasoj. Litovio havas specialan rilaton al Esperanto, sed ni kredas, ke ĉie ni havus multe pli da lernantoj, se ni sukcesus pli bone anonci kursojn.

***Ĉu la akcepto de novaj membroj al Eŭropa Komunumo povus plifortigi la voĉon por pliefikigo de interkomunikado helpe de la internacia lingvo, t. e. Esperanto? Kion ni povas fari por tio?***

Mi timas, ke la eniro de pluaj landoj en EU povus plifortigi la argumenton, ke necesas limigi la oficialajn lingvojn al du, aŭ eĉ unu. Ŝajnas al mi, ke la novaj, malriĉaj landoj de EU pretas oferi la lingvorajtojn kontraŭ ekonomia helpo de la riĉaj landoj. Teorie, kompreneble, la situacio povus tre utili al nia kampanjo por Esperanto, kiu proponas ne nur limigon de kostoj sed ankaŭ demokration en lingvaj rilatoj.



Trevor STEELE kun SKEF-prezidantino Mária TOMAŠOVIČOVÁ kaj Ernest GELETA dum lia pasintjara vizito en Slovakio

***Se aperos nova moderna lingvoprojekto, kiu dank' al novaj sciencaj informoj kaj dank' al komputiloj estos pli efika, pli multe uzata kaj akceptata de landoj kaj internaciaj organizoj, ĉu vi estas preta ĉesi uzi Esperanton kaj subteni novan, pli sukcesan lingvon?***

La demando estas por mi nur teoria. Ĉiu ajn lingvoprojekto devus trairi malfacilan periodon de reformemo kaj alispeca testado – kiel Esperanto en la Ido-krizo kaj la longa procezo de uzado de homoj el ĉiuj mondopartoj. Esperanto ne estas perfekta, sed neniu lingvo povus esti tia. Esperanto bonege funkcias, kiel mi spertis dum jaroj da instruado al komencantoj, kun kiuj mi povis baldaŭ paroli, kvankam iliaj lingvoj estis fremdaj al mi. La kreo de lingvo estas ne nur mekanika operacio, ne produkto de

komputila laboro, sed ilo por vivi, portanto de la suko de literaturo, kaj Zamenhof havis genian tuŝon tiurilate. Esperanto abunde montris, ke ĝi efike funkcias sur ĉiuj kampoj de la vivo, kie oni jam ekuzis ĝin. Ke venos alia pli bona – tion mi apenaŭ povas imagi.

***Ĉu vi povas koncize karakterigi slovakojn kompare kun okcidentuloj post kelkaj tagoj, kiujn vi travivis en Slovakio?***

Ŝajnas al mi, ke ankoraŭ folkloraĵoj iom pli rolas en la vivo de slovakoj ol de okcidentuloj, sed mia impreso estas, ke la juna generacio de slovakoj strebas esti kiel eble plej „okcidenta“. Post unu generacio, mi kredas, la vivo estos tre simila en ĉiuj eŭropaj landoj – kaj probable ankaŭ en Usono, Kanado, Aŭstralio, kaj ĉiuj industrie evoluintaj mondopartoj.



Trevor STEELE kun Martin MAJTÁN kaj Katarína BODNÁROVÁ dum la vizito en Slovaka Kripo en Rajecká Lesná

***Ĉu plaĉis al vi la slovakiaj virinoj? Ĉu tiu ĉi fenomeno estus uzota (mi parolas pri belaj virinoj, ne pri via plaĉo) por disvastigo de Esperanto inter slovakaj viroj?***

Kiam oni estas enamiĝinta, oni ne tre atentas pri la beleco de diverslandaj virinoj. Estas banala vero, sed tamen vero, ke ĉie oni trovas belulinojn, ĉu ne? Ĉu belulinoj kiel ŝildoj kontribuus al la kresko de nia movado? Nu, eble. Sed la ecoj necesaj por lerni lingvon – persisto, pacienco, inteligento – ne nepre estas tiaj, kiajn ekscitas la vido de bela virino! Ĉu belaj E-viroj inspirus virinojn lerni nian lingvon ?

***Kiel efike labori en E-movado, kiam laborantaj homoj ne havas tempon, ĉar devas dediĉi multe da horoj por perlabori monon, kiam pensiuloj ne havas fortojn kaj kiam junuloj mankas?***

Bona demando, kaj mi ne havas respondon! Fakte ni observas la fenomenon, ke en nia movado plej mankas homoj en la plej aktivaj laborjaroj. Multaj prokrastas lerni la lingvon ĝis post la emeritiĝo, kaj multaj fervoraj junuloj, komencinte sian profesian karieron, „provizore“ metas Esperanton flanken. Tiuj homoj, kiuj daŭre laboras por la movado dum sia profesia kariero, estas esceptoj, sed ege valora parto de nia membraro.

*intervjuis Katarína BODNÁROVÁ*

## ĈU LA KLINGONA OFICIALIĜAS PLI RAPIDE OL ESPERANTO?

„Nia paĝaro nun legeblas en la hebrea, rumana kaj eĉ la klingona, sed ankoraŭ ne en la itala. Ĉu ĝi estas en via lingvo?“ demandas Chuck SMITH, oficisto de la tutmonda junulara Esperanto-organizo TEJO. „Se ne, bonvolu legi la instrukciojn ĉe <*http://www.tejo.org/traduki*>“ alvokas SMITH. La ttt-ejo <*http://tejo.org*> - nun tradukita en 24 lingvoj - kaj ankaŭ en la klingona, la lingvo kreita por la ‚Star Trek‘ televid-serio kaj filmaro, pruvas, ke la klingona fariĝas akceptita lingvo eĉ ĉe esperantistoj. Parte dank' al la traduko klingonen la Esperanto-junuloj ĵus gajnis la premion „Multlingva lernanta premio“ de la Sveda Nacia Agentejo por Lerneja Plibonigo <*http://www.modersmal.net/eschola*>.

Multe pli grave por la evoluo de la klingona povas esti decido en la usona ŝtato Oregonio. Tie la klingona povas fariĝi unu el 55 lingvoj bezonataj de la oficejo, kiu prizorgas mens-malsanulojn en la kantono Multnomah. La mens-malsanuloj ekserĉas klingon-anglan tradukiston. „Ni devas provizi informojn en ĉiuj lingvoj parolataj de niaj klientoj,“ klarigas Jerry JELUSICH en intervjuo al la gazeto ‚The Oregonian‘. JELUSICH estas la respondeculo pri dungado por la kantona Departmento pri Homservoj, kiu servas 60 000 klientojn je mensa sano. „En iuj kazoj ni havis mens-malsanulojn, kiuj insistis paroli nur tiulingve,“ klarigas alia malsanuleja respondeculo. Kvankam kreita por fikci-verkoj, la klingona havas regulan, kvankam malfacilan gramatikon, sintakson kaj vortstokon (vidu <*http://www.tejo.org/info/ index.php?lingvo==kg*>). En la kantono Multnomah la lingvo parolata sur la kosmo-ŝipo Enterprise ekde nun eble estos konsiderata kiel plena lingvo, same kiel la rusa kaj vjetnama, kaj kun ne tiom grandaj lingvoj, kiaj la persa kaj la tonga.

Kelkaj esperantistoj ĵaluzas pro la agnosko de la klingona. „Eble esperantisto povus prezenti sin ĉe la pordo de la mensmalsanulejo kaj postuli interpretiston de Esperanto,“ sindemandas Lee MILLER. „Eĉ grupo povus peti servojn en Esperanto. Sufiĉe ofte oni taksas nin frenezaj, ĉu ne? Kia bela ŝanco.“ Aliaj esperantistoj dubas, ke necesas sendi Esperanto-frenezulojn al la usona mensmalsanulejo. Laŭ Donald J. HARLOW, eksprezidanto de la Esperanto-Ligo de Nordameriko, oni ankaŭ multe devos serĉi por trovi denaskan parolanton de la klingona. „Laŭ mia kompreno, la unusola provo (kiu okazis en Vaŝingtono, D.C.) eduki denaskan klingonparolanton paneis. Aliflanke, mi scias pri almenaŭ unu denaska esperantisto, kiu loĝas en Portland, la ĉefurbo de la kantono Multnomah.“ HARLOW levis la demandon ĉe sia filino, kiu hazarde laboras en helporganizo por mensmalsanuloj en Oregonio kaj situas ĝuste en la kantono Multnomah. Ŝia iom amuzita respondo: „Mi aŭdis nenion pri tio ĉe mia laboro, kvankam mi mem parolis kun kelkaj klientoj, kiuj eble parolas klingone, ĉar mi same ne povas kompreni ilin.“

Legu pli pri la klingona (ankaŭ en Esperanto): <*http://www.kli.org*>.
Proponi Esperanton, aŭ sinprezenti, al la mensmalsana departmento
de Multnomah <*http://www.co.multnomah.or.us/dchs/mho/index.html*>

*<lingva-demokratio@yahoogroups.com>*

## LEGENDOJ PRI LA ALTAJ TATROJ – II

### *Fabelo pri Satano*

La karbisto bruliginta lignon ĉe Poprada lago renkontis iam en la valo strangan viron kun ŝarĝo sur la dorso, kiu demandis lin pri nekutima servo. Li petis karbiston helpi lin porti la pezan sakon al la montpasejo sur la montodorso de la pinto Bastionoj *(Bašty)*. La sono de ofertita rekompenco rapide konvinkis la malriĉan karbiston kaj post nelonge ili ambaŭ atenteme ascendis supren per kruta monto. Sed tuj sub la montpasejo la nokto atingis ilin, do ili devis resti en malkomforta loko. La hela luna nokto estis tre malvarma. La sekreta fremdulo kunkolektis amason da ŝtonoj, kraĉis sur ĝin kaj tuj el la rokoj ekaperis ruĝaj flamoj. Ektimigita karbisto ekkomprenis, kun kiu li noktorestas. Kun teruro li konsciis, ke la kunulo estas Satano, infera gardisto de trezoroj kaŝitaj en interno de la Tatroj. Li dum la tuta nokto eĉ ne fermis la okulojn kaj kun la unuaj sunradioj matene li rapidegis suben en la vilaĝon. Li montris la orajn grajnojn, kiujn li perlaboris en Mengusa valo, al homoj, kaj rakontis al ili pri ĉio. Multaj kuraĝuloj post tiu ĉi rakonto iris por trovi la trezoron sur la monto, kiu estis de tiu tempo nomata Satan. Sed ĝia infera gardisto ĉiam forpelis ilin per amasa ŝtona lavango. Neniu scias, ĉu vere la Satano gardas la trezoron en interno de altaj montopintoj de Bastionoj...



Popradské Lago
sur la poŝtmarko el la jaro 1996

Tamen la vero estas, ke falantaj ŝtonoj tre ofte rapidegas kaj disfaliĝas sube en la Satana pasejo.

*Rimarko: Satan (Satano) estas la montopinto.*

### *Fabelo pri la maldiligenta drako*

En unu valkaldrono de la valo Zlomisko vivis maldiligenta drako, kiu estis servata de la plej bela knabino el la proksima vilaĝo Mengusovce. Neniu estis kuraĝa kalcitri kontraŭ la malbona monstro. Finfine la patrino de la malfeliĉa knabino decidiĝis, ke ŝi liberigos sian filinon. Ŝi iris al la valo, ekstaris vid-al-vide al la furioza drako kaj ekkriis unu sorĉ-formulon. La malbeno de kuraĝa olda virino funkciis, kaj la drako post la eldiro de ‚magiaj vortoj' ŝtoniĝis. El lia vosto fariĝis Draka Kombilo, en alia loko estas videbla Draka Kapo kaj ŝanĝitaj en granito Drakaj Dentoj.

*Rimarko: Mengusovce estas vilaĝo proksime de Štrba. La Turo de Zlomisko altas 2131 m super la maro. La Valo de Zlomisko gvidas supren el la Poprada lago.*

*tradukoj de Jarmila RECHTORISOVÁ*

## OFICISTAJ ŜANĜOJ EN LA CO

En majo 2003 en la Centra Oficejo okazis kelkaj ŝanĝoj pri la stabanoj:

- Ekde la 1-a de majo en la CO ne plu laboras Nikola RAŜIĈ, kiu dum dek kvin antaŭaj jaroj zorgis pri la organizado de la Universalaj Kongresoj.
- La Aganta Kongresa Sekretario estas nomumita Clay MAGALHAES, antaŭe duontempe helpinta al Nikola RAŜIĈ pri la Kongresa Fako kaj duontempe laborinta en la librotena fako. (La detalan prezenton pri Clay bonvolu legi en la sekva informo).
- Komence de majo en la librotena fako plentempe eklaboris Stanka STARĈEVIĈ, Nederlando. Ŝi anstataŭigos tie Clay MAGALHAES kaj ankaŭ helpos plifortigi la librotenadon de UEA.



## NOVA AGANTA KONSTANTA KONGRESA SEKRETARIO (KKS)

Clay MAGALHAES naskiĝis la 2-an de aŭgusto 1974 en Foz do Iguacu, ŝtato Paranao, suda Brazilo. En 1995 li diplomiĝis pri turisma manaĝerado en la Ŝtata Universitato de Okcidenta Paranao ("Unioeste"). Li krome partoprenis en diversaj kursoj kaj seminarioj pri manaĝerado de turismaj entreprenoj, i.a. kurson de Internacia Konferenca kaj Kongresa Asocio (ICCA) por junaj profesiuloj en Svislando en 2000.

En Brazilo li havis laborajn spertojn i. a. en vojaĝagentejoj kaj en kongresoj interpretante inter la portugala, hispana kaj angla.

Clay MAGALHAES esperantistiĝis en decembro 1992. Li vivas en Nederlando ekde majo 1996, kiam li eklaboris kiel volontulo en la kongresa fako de la Centra Oficejo de UEA, helpante por la Praga UK.

Li volontulis ankaŭ en la sekvaj du jaroj asistante en la preparoj de la Adelajda kaj Montpeliera UK-oj. Ankoraŭ pli profunde li povis sekvi la laboron de KKS ekde 1999, kiam li estis dungita kiel oficisto en la kongresa fako. Lastatempe li helpis ankaŭ en la librotena fako de UEA.

Clay ŝatas aviadon kaj modernan muzikon. Somere li biciklas kaj rulsketas, por kio estas bonegaj kondiĉoj en Nederlando.

Krom Esperanto, portugala, hispana kaj angla lingvoj li ankaŭ flue parolas la nederlandan.

**RETPOŜTAJ ADRESOJ**

**direktoro@co.uea.org** ĝeneralaj demandoj pri administrado de UEA
**libroservo@co.uea.org** mendoj de libroj de la UEA-libroservo
**sekretario@co.uea.org** adresŝanĝoj, aliĝoj, informoj
**kongresoj@co.uea.org** ajnaj demandoj pri UK
**alighoj@co.uea.org** aliĝoj al UK
**mendoj@co.uea.org** mendoj de hoteloj, ekskursoj, flugoj por UK
**financoj@co.uea.org** demandoj pri pagoj, kotizoj k. s.
**revuo@uea.org** la redakcio de la revuo (al la redakcio bv. skribi nur pri redaktaj aferoj!)
**reto@uea.org** pri la retejoj UEA.org kaj Esperanto.net

## TRI NOVAJ TITOLOJ ĈE UEA

Ekde la komenco de tiu ĉi jaro UEA eldonis du novajn librojn kaj unu broŝuron, sed tiu lasta estas la nova eldonaĵo en la serio Esperanto-dokumentoj.

La Esperanto-dokumento portas numeron 38 kaj nomiĝas ***‚Esperanto kaj internaciaj organizaĵoj'***. Ĝin preparis la vicprezidanto de UEA, respondeca pri eksteraj rilatoj, profesoro Lee CHONG-YEONG. En la dokumento estas kolektitaj rezolucioj, decidoj kaj rekomendoj de internaciaj organizoj, komencante, kompreneble, de Unesko, favoraj al Esperanto kaj la ideo de Internacia Lingvo.

Multe pli ampleksa (504-paĝa) estas ***‚Konciza Etimologia Vortaro'***, kompilita de Andre CHERPILLOD. La verko jam donas tre bonajn promesojn iĝi furoraĵo de la jaro - dum du monatoj post ĝia apero vendiĝis pli ol 100 ekzempleroj.

Kaj meze de aprilo el la presejo venis alia verŝajna furoraĵo: ***‚La vivo de Henriko la Kvina'***, verkita de William SHAKESPEARE kaj tradukita de Humphrey TONKIN. Nu, pliaj komentoj superfluas.

Pli detalaj informoj pri la eldonaĵoj aperos aŭ jam aperis en la rubriko *‚Laste aperis'* de la revuo Esperanto.

**KORESPONDPETOJ**

- Kelly LONDONI, komencanto el Zimbabvo, kiu tamen bone lernas la lingvon, ŝatus korespondi rete. Lia adreso estas <*klondoni@cccsea.org.zw*>.
- Lerneja grupo de 21 geknaboj 10-jaraj lernas Esperanton unu horon semajne kaj unu horon dum la sabata kluba agado. Por komenci ili preferas kolektivan korespondadon. Vi povas kontakti ilin ĉe la adreso Prof. Mihai TRIFOI ĉe Scoala cu cls. I-VIII Mikes Armin, RO – 4038 BIXAD, Jud. Covasna, Rumanujo, aŭ rete <*scoalabixad@honoris.ro*>

## GOTENBURGO: VIRTUALA UK KAJ ALTA PROTEKTANTO

La Sveda LKK zorgas ankaŭ por la esperantistoj, kiuj ne sukcesos veni al Gotenburgo. Ĉe speciale lanĉita nova retejo <*www.uk-2003.net*> dum la daŭro de la tuta kongreso funkcios ‚Virtuala kongresejo de la 88-a UK'.

En la retejo eblos konatiĝi kun Gotenburgo, la Kongresejo, legi la informojn, kiujn prezentas la Kongresa Kuriero, ofte eĉ pli frue ol en la presita Kuriero. I. a. oni planas regule aperigi la nombrojn de la aliĝintaj kongresanoj. Aperos skizoj pri la programo, foje oni povos ankaŭ aŭdi fragmentojn de iuj prelegoj, vidi fotojn.

La vizitantoj de la retejo povos sendi mesaĝojn al la kongresanoj, uzante la kongresan numeron kiel la adreson - tiu letero estos liverita surpapere pere de la kongresa Mesaĝtabulo.




Funkcios ankaŭ propra diskutejo pri la ‚Kongresa temo', en kiu la retaj partoprenantoj de la Virtuala UK povos kundiskuti pri lingvaj rajtoj kaj respondecoj.

**Alia UK-novaĵo:**

La sveda ĉefministro Göran Persson akceptis esti Honora protektanto de la 88-a Universala Kongreso de Esperanto en Gotenburgo.

*laŭ informoj de Franko LUIN <inko@algonet.se>*

## RESPERTI LA UNUAN UNIVERSALAN KONGRESON

La Nordfrancia Esperanto-Federacio organizos en 2005 (inter la 25-a kaj 30-a de marto) elstaran internacian amikecan renkontiĝon en Bulonjo-ĉe-Maro, por memorfesti la centjariĝon de la unua Universala Kongreso de 1905. Krom la Nordfrancia E-Federacio partoprenas en la organizo de tiu evento SAT-Amikaro (kiu tiam okazigos sian 60-an kongreson), Unuiĝo Franca de Esperanto (UFE - kiu tiam okazigos sian nacian interasocian kongreson) kaj E-organizoj de Belgio kaj Britio.

Dezirantoj paŝi „laŭ la spuroj de Zamenhof" estas invititaj partopreni la eventon.

*Ĉiu povas sin informi vizitante la TTT-ejon de la renkontiĝo: <http://boulogne2005.online.fr>*

## LA FALDFOLIO EN ESPERANTO

Petu faldofolion pri „La Vilao", granda kampara domo en Pinswag, Suda Germanujo, kies posedantoj parolas Esperanton kaj bonvenigas esperantistojn al multaj kursoj pri muziko, koncertoj, ktp.

*„La Vilao" <die-villa@gmx.at>*
*Renato CORSETTI <renato.corsetti@uea.org>*

## BELA PINGLO KUN TEKSTO „PACO“ KAJ FOTO DE LA TERO

Ĉi estas havebla kontraŭ simpla retpoŝta peto ĉe *<DavidB@PeaceForFree.org>* - vi povas vidi anglalingvan ekzempleron ĉe la hejmpaĝo de la organizaĵo: *<http://peaceforfree.org>* kaj aliajn diverslingvajn ĉe *<http://peaceforfree.org/languages.htm>*.

Por mendi simple sendu al *<DavidB@PeaceForFree.org>* mesaĝon „Mi deziras Esperanton: ‚Paco‘“ aŭ simile, kaj la paper-poŝtan adreson, al kiu David ekspedu vian pinglon. Ien ajn en la mondo! Senpage!! (Tamen ne senkoste; se vi deziras kontribueti al la projekto, li ne malakceptos!)

Krom la jam listigitaj lingvoj (angla, franca, araba, nederlanda, germana, hebrea, itala, hispana) kaj Esperanto, la pinglo baldaŭ estos havebla ankaŭ en la japana. Aliajn lingvojn laŭ peto. (Mi simple petis Esperanton, kaj li aldonis ĝin!)

*Ros' HARUO, Pacon deziranta usonano*
*de: Liland BRAJANT "ROS'" <lilandr@yahoo.com>*

## RETA INFORMADO-CENTRO - *<HTTP://WWW.IKSO.NET/RIC>*

Esperanto estas mirinda lingvo kaj fenomeno. Bedaŭrinde malmultaj scias pri tio... Do, indas informi homojn! Sed kiel informi kaj per kio? La Reta Informado-Centro (RIC) *<www.ikso.net/ric>* helpas al vi respondi tiujn demandojn.

La celo de RIC estas subteni informantojn pri Esperanto, TEJO, UEA, k. s. per konsiloj, pretaj informiloj, informileroj, faktoj kaj diskuteblecoj.

Per RIC eblas:

- elŝuti informilojn en plej diversaj lingvoj kaj formatoj;
- preni informilerojn utilajn, kiam oni volas krei sian propran informilon;
- legi konsilojn pri informado;
- preni „faktojn“ por sia prelego aŭ simile.

Ankaŭ vi povas alŝuti via(j)n informilo(j)n per la formularo ĉe *<http://www.ikso.net/ric/sxutajxoj/alsxuti.php>* por dividi ilin kun aliaj! Nur se multaj kontribuas per sia materialo, RIC havos grandan utilon.

*Pri RIC kunlaboras pluraj personoj de diversaj organizoj, tamen ĉiuj kun la sama celo: „informi la mondon pri Esperanto“. Kunordigas la projekton la internacia laborgrupo Esperanto@Interreto - <www.ikso.net/echei>*

### LA PRESKOBOLDO AGIS

*La aŭtoro de la artikolo pri la 4-a Esperantista Filmfestivalo en ES n-ro 1/2003 ne estas Zlatica PÁLFYOVÁ (kiu atentigis nin pri la eraro, ne volinte laŭproverbe ‚fanfaroni per fremdaj plumoj‘), sed* Nataša ŠÁNDOROVÁ.
*La teknika redaktorino pardonpetas ambaŭ kaj ankaŭ estimatajn legantojn.*

✍ Ĉu vi havas sufiĉe da materialo por la n-ro 2/2003? Dankon por la n-ro 1/2003. Ĝi plaĉas al mi. Ankoraŭ unu elkoran saluton. Amike restas

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Nové Mesto n/Váhom*

Estimata s-ino Feifičová! Kiel tiu tempo kuras! Vi estis mia unua Esperanta korespondantino – kaj mi estas tie ĉi denove. Mi povis esti inter la unuaj abonpagintoj, sed mi faris male: mi sendis la abonpagon al Poľnobanka Poprad. Bonvolu fari, kio estas necese. Kore salutas vin ✍

*Bartolomej KOLIBÁR, Nitra*

✍ Laŭ la informo sur la paĝo 2 en la dua numero de ES/2002 mi sendis 200 Sk kiel abonpagon por ES/2003 al la konto de Poľnobanka en Poprad... en la unua numero de ES/2003 mi ne trovis mian nomon en la listo de abonpagintoj. Ankaŭ mi petas informi min, kiel eblas nun membriĝi en SKEF (en la pasinta jaro mi estis membro de la regiona organizaĵo en Poprad). Ĉu estas bezone kaj kien sendi novan aliĝilon?

*Ján MIKLOŠ, Čakanovce*

La paskan saluton al vi sendas kaj pardonpetas por la malĝusta pago. ✍

*Anna DVOŘÁKOVÁ, Medvedzie*

✍ Mi volas danki al via redakcio por la sendita gazeto ES. Se vi konsentas, ni sendados al Vi nian monatan gazeton ĉiun duan monaton interŝanĝe por la via. Mi salutas vin kaj viajn kunlaborantojn elkore. Amike

*Jarmila RÝZNAROVÁ, Asocio de Esperantistoj Handikapuloj (AEH), Pardubice.*

Estimata amikino,

akceptu vere miajn plej sincerajn dankojn ĉar vi kaŭzis al mi grandegan ĝojon per tri sendaĵoj de la gazeto ES. Viaj gazetoj helpis al mi krom alia ankaŭ akiri datojn de diversaj E-aranĝoj por publikigi ilin en nia E-montrofenestro en Plzeň. Mi almetas ankoraŭ malgrandan E-interesaĵon, kiun mi ricevis de s-ano Sládeček el Ostrava. Sincere salutas✍

*Václav KAPRÁL, Kaznějov*

✍ Mi sendas al vi fotojn, monon por ES kaj printempan saluton – sed neĝkovritan – tio estas nekredebla, ĉu?

*Blanka ZUBOVÁ, Lysá n/Labem, CZ*

Koran dankon por via gazeto ES. La gazeto estas tre bona kaj interesa.

Nia Saksa Esperanto-Asocio kaj Esperanto-Asocio “Saksa Svisio“ r. a. invitas al la Jarfina kaj Zamenhofa Festo JAZAF 2003 kun klerigaj kaj turismaj tagoj.

La aranĝo okazos ekde la 16-a ĝis la 19-a de oktobro 2003 en la vilaĝo Dorf Wehlen. La ĉefa temo estos “Esperanto en la kunkreskanta Eŭropo – la homoj laŭlonge de rivero Elbo, la naturo kaj naturprotektado.

El la turisma vidpunkto indos vizito en la loka ‚Miniatura Saksa Svisio' kaj la ekskurso al la urbo Stadt Wehlen kun la memortabulo pri la Zamenhofparolo. Klerigajn posttagmezojn gvidos Stano MARČEK, la redaktoro de Esperanto.

La partoprenkotizo 98 eŭroj inkluzivas tranokton kaj matenmaĝon.

Interesuloj povas aliĝi ĝis la fino de aŭgusto ĉe

Norbert KARBE, Dr. Otto-Nuschke-Str. 12, DE – 017 96 PIRNA,

restpoŝto <*NoKoSaksio@tiscali.de*>

Kun la esprimo de sincera estimo salutas ✍

*Karl NIMMRICHTER, Bischofswerda/DE*

✍ Estimataj,

Almir kaj Zilda FERREIRA estas agemaj samideanoj, kiuj loĝas en Rio de Janeiro. Ili ĉiel klopodas por disvastigi E-on.

Antaŭ nelonge ili aĉetis apartamenton en iu konstruaĵo. Ĉar la apartamentaro ankoraŭ ne havis nomon, ili proponis al la entrepreno, kiu estas vendanta la apartamentojn, ke ili nomu ĝin „Condomínio Esperanto" (Kunproprietaĵo Esperanto). La propono estis varme akceptita de la firmao kaj ankaŭ de granda parto de la novaj proprietuloj kaj estis aprobita en speciala kunveno kunvokita tiucele. La dokumento estis notarie registrita.

Almir kaj Zilda informis min, ke la entreprenisto tiom ŝatis la proponon, ke li intencas nomi aliajn konstruotajn apartamentarojn per „Esperanto 2", „Esperanto 3" ktp. ...

Se vi volas vidi la foton de *‚Condomínio Esperanto'*, vizitu la hejmpaĝon de KKE, ĉe *‚Galeria de Fotos'* <*http://www.kke.org.br*>.

*Aloísio SARTORATO, Rio/Brazilo*

✍ *Karaj niaj gelegantoj,*

*koregan dankon por viaj bonaj opinioj rilate ES 1/2003.*

*Bedaŭrinde, la dua numero venos al vi pli malfrue, ol via teknika redaktorino opiniis. Kaŭzo estas manko de skribemuloj en Slovakio, kio estas bedaŭrinda afero, ĉar malgraŭ ke kelkaj aranĝaĵoj estas organizataj (kaj partoprenataj), la artikolojn pri ili neniu sendas al la redakcio. Por almenaŭ ne malfrui en la eldonritmo kaj denove ne fali en neregulecon, mi klopodos pli strikte teni la kvaronjaran eldonadon (kaj mi esperas, ke mia sanstato tion permesos al mi plenumi).*

*Kelkaj el vi pagis por ĉi-jara Esperantisto Slovaka laŭ la pagkondiĉoj de pasinta jaro. Kelkaj pagis al la iama bankkonto de SKEF en Poprad. Tiuj enlandanoj, kiuj pagis 200 Sk, povos peti transŝovon de 50-kronoj por venonta jaro; se ili tiel ne faros, ni kun danko konsideros tiun diferencan sumon kiel donacon por la ĉi-jara eldono de ES. Ni promesas pliboniĝi ankaŭ en reguloj de kotizpagado; bv. ĉiam rigardi la kadreton kun abonpag-eblecoj sur la dua paĝo de la revuo.*

*Estas rekomendite, ke unuopuloj estu anoj de iu el la regionaj organizaĵoj, do ESO en Bratislava, OSES en Okcidenta Slovakio, ERSO en Orienta Slovakio, MEL en Mezslovakio. Pagante kotizon por unu el ĉi organizaĵoj oni aŭtomate fariĝas ankaŭ ano de SKEF, ĉar ĝi peras parton de la kotizo al ĝi. Do, se vi jam estas ano de iu regiona organizaĵo, sufiĉas nur, ke vi pagu la kotizon por koncerna jaro, ne plu necesas aliĝi.*

*Karaj gelegantoj, mi dankas al vi nome de la tuta redakcio, ke vi estas fidelaj al nia ESPERANTISTO SLOVAKA, kaj petas vin subteni nian laboron per sendado de artikoloj pri okaz/in/on/taĵoj, beletraĵoj, humuro, krucenigmoj, spertoj, opinioj pri la revuo, simple pri ĉio en via ĉirkaŭaĵo, kion vi pensas esti interesa ankaŭ por aliaj legantoj. Mi antaŭdankas vin pro tio. Via teknika redaktorino* ✍

*Fejfi*

## DE IVAN SLÁVIK

## KIEL TROVI LA VOJON?



**HORIZONTALE:**

**A. La unua parto de la kaŝfrazo.** B. Turka virnomo – brilblanka globet' formiĝanta en markonkoj kaj uzata kiel juvelo – kun fido – lud' por du personoj, ludata sur tabulo dividita laŭ kvadratoj. C. Angulo antaŭen formita de sidanta homo – hejma musĉasanta mamul' kun bela felo – signo de eraro sur la klavaro de komputiloj – la ĉefurbo de Italio (itale). D. Ordonita laboro, servo, kiu devas esti farata dum difinita tempo – estigi ion, eligante ĝin el la nenio – kred', ke tio, kion oni deziras, realiĝos. E. Grasa fluaĵo – ekstera vira vest' – prefikso signifanta ion estintan, iaman kaj ne plu estantan – parto de la maldika intesto. F. Alia nomo por fenolo – parto de la korpo, en kiu komenciĝas la digestado. G. Malnovromia dio de amo (radiko) – malnovepokaj gentoj, kiuj migris tra la centra Eŭropo okcidenten – nia biblia prapatro (radiko). H. Posedanta multajn havaĵojn – la ago "igi" (substantivo) – mallongigo de la ribo-nuklea-acido – amata. I. Muzikaritma melodi' (precipe en opero) – krias "ve" – spirebla gaso ĉirkaŭ ni – daŭre restadi en iu loko (radiko). J. **La dua (kaj lasta) parto de la kaŝfrazo**.

**VERTIKALE:** 1. En kelkaj nacioj, ĉiu el la sociaj klasoj, kiuj ne miksiĝante unu kun alia, formas la bazon de la politika kaj religia konstitucio – unu' de mezurpezo uzata por perloj kaj diamantoj (radiko). 2. Apartenanta al ili – difina artikolo en Esperanto – senti impreson de surprizo pro io stranga, neatendita. 3. Unu germane – serumo – sur ĉiuj lokoj. 4. Jararo prezentanta gravan momenton en la historio – bravamaniere, bone. 5. Giganta arbo el Kalifornio, kies alto atingas pli ol cent metrojn – demanda senfleksia pronomo, signifanta „de kiu, de kiuj". 6. Trafanta, ĝuste atinganta la celon – altranga ekleziul', reprezentanta la Papon en ia difinita okazo. 7. Granda laŭ vertikala kaj suprenira direkto – havanta eksterordinarajn proporciojn aŭ ecojn. 8. Regulforma glob' (ekzemple ĉiela) – estas estro, regas. 9. Poezi' kantanta la personajn impresojn, sentojn kaj pasiojn – internacia mezurunu' de volumeno por ŝipoj, valoranta 1 $m^3$. 10. Preciza loko, kie iu loĝas, surskribo sur leterkoverto – ripetiĝanta ĉiun jaron. 11. Verki versojn – urbeto en nordokcidenta Slovakio sur ĉeĥo-slovakaj limoj. 12. Lirika poemo – granda teler', kiu servas por alporti sur la tablon la manĝaĵojn – ĉiu ekstrema flanka parto de la nazo. 13. Per lama modo – prefikso signifanta komenciĝantan agon – grupoj, amasoj, linioj. 14. Grada dekpieda markrustulo – honoro al iu per io.

H I H I H

*La ĝustan solvon de la krucvortenigmo el la pasinta numero* ***"...komuna lingvo por la nova Eŭropo"*** *sendis Mária TOMAŠOVIČOVÁ, N. Mesto n/V., Pavel MURGAŠ, Banská Bystrica, Milan SMĚLÝ, Prostějov/CZ.*

